


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*

(«Os Lusiadas». Kanto III[a], XVII.)

CAMOENS

**6a jaro Januaro 1936 N-ro 55**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura*, 74.

## Dum la nuna monato mi ne forgesu...

—...*pagi mian reabonon al H. E. A.*

—...*sendi mian aliĝon al XXVIII*[a] *Kongreso de Esperanto* (30 % *da rabato ĝis* 31[a] *de januaro*).

—...*aliĝi al la XI*[a] *Hispana Kongreso de Barcelono. Ĝis la* 31[a] *de januaro mi povas prezenti diskutotajn proponojn.*

1 Feliĉan 9 novan 3 jaron! 6a

ni deziras al la esperantistaro

## RESUMEN DEL ACTA LXVIII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

Convocada por el presidente una Junta extraordinaria para el 29 de noviembre de 1935, a fin de tratar algunos asuntos relacionados con la celebración del XI Congreso Nacional de Barcelona, el secretario leyó los documentos siguientes:

1.° Tres cartas de Kataluna Esperanta Federacio fechadas el 31 de octubre, 23 y 25 de noviembre, en las que se lamenta esta entidad de que H. E. A. haya escogido una ciudad de Cataluña, y singularmente Barcelona, para celebrar su Congreso y que haya elegido los días 31 de mayo a 7 de junio, que coinciden en parte con los días en que se celebrará el Congreso de K. E. F. en Manresa, todo ello sin haber consultado antes con la citada K. E. F.

2.° Una carta firmada por D. José María Coll y otros dos hea'anos de Barcelona en la que hacen varios considerandos para demostrar que, a su juicio, no se han cumplido los artículos 8 y 10 del Reglamento de H. E. A., y piden que se anule el acuerdo de la celebración del Congreso de Barcelona y se renuevn los cargos de vocales regionales de Cataluña.

3.° Una carta de D. José María Coll al presidente de H. E. A., D. Sidonio Pintado, exponiéndole los inconvenientes de que coincidan las fechas de ambos Congresos.

Se acordó por unanimidad: 1.° Dar explicaciones a K. E. F. acerca de los motivos que nos impulsaron a elegir Barcelona y la fecha de 31 de mayo a 7 de junio para la celebración del Congreso, sin que en la fecha en que se tomó ese acuerdo (9 de septiembre) tuviera H. E. A. noticia oficial ni particular alguna respecto a la fecha del Congreso de Manresa.—2.° Contestar a D. José María Coll razonadamente demostrándole que la Junta Directiva no ha dejado incumplidos los artículos 8 y 10 de los Estatutos de la Asociación.

El secretario, *Fernando Redondo.*

# RESUMEN DEL ACTA LXIX DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la sesión ordinaria celebrada el 9 de diciembre de 1935 se acordó por unanimidad lo siguiente:

1.° Aprobar las actas números LXVI, LXVII y LXVIII de las Juntas anteriores.

2.° Aprobar el texto de la contestación a las cartas de K. E. F. acerca del Congreso de Barcelona. A esta contestación no se ha recibido aún respuesta. Se leyó un escrito dirigido por D. Julio Mangada, por conducto del vocal regional D. Carlos de San Antonio, en el que demuestra que en junio ya se decidió en Barcelona que en la fecha acordada se celebrara el Congreso, aunque el asunto no tomó estado oficial hasta el mes de agosto, en que oficialmente se hizo la petición.

3.° Escribir a U. E. A. una comunicación argumentada para demostrar la inexactitud de las cifras publicadas en la «Interna Cirkulero al la Komitatanoj de U. E. A. n.° 6 — Protokolo Komitata Kunveno dum la 27ª Universala Kongreso de Esperanto», en la que dice que el número de *simplaj membroj* de U. E. A. en España es de 292, cuando en 1934 se giraron las cuotas de 606 miembros y U. E. A. acusó recibo, y en 1935 se han girado las cuotas de 740 y U. E. A. también ha acusado recibo. El secretario, *Fernando Redondo*.

---

**PRI LA KALENDARO**

## KIAL LA NUNA JARO ESTAS 1936ª?

Multaj legantoj respondos ke tio estas ĉar Kristo naskis antaŭ 1935 jaroj, kaj sekve la nuna estas la 1936ª. Sed tio ne estas tute ekzakta.

La abato Dionysius Exiguus (+ 536) prikalkulis en Romo la jaron de la enkorpiĝo de Jesuo. Sed estas eraro de eble 4 aŭ 6 jaroj. Do, laŭ tia dato, la nuna jaro estas la 1940ª aŭ 1942ª. Plue estas alia eraro por la datoj antaŭaj al tiu okazintaĵo ĉar de la jaro 1.ª antaŭ Kristo oni transiras al la jaro 1.ª post Kristo, kaj la jaro 0 ne ekzistas.

La kristana jarnombrado aŭ *erao* iom post iom oficialiĝis: En Romo post la VIª jarcento. La imperiestro Karolo la Granda (+ 844) igis ĝin apliki en dokumentoj. En la okcidenta Eŭropo ĝi divastiĝis post la Xª jarcento. En Oriento, la siriaj monaĥoj ankoraŭ kalkulas laŭ la epoko de la Seleŭkidaj reĝoj (komenciĝinta 321 jaroj antaŭ Kristo).

En Hispanujo oni kalkulis laŭ la *erao* de Imperiestro Aŭgusto aŭ *hispana erao* (38ª j. antaŭ Kristo, kiam la romanoj finis la almiliton de Hispanujo), ĝis la XIIª jarcento.

En Abisenujo la nuna jaro estas la 1929ª. Por arabo, hebreoj kaj orientanoj ĝi ankaŭ ne estas la 1936ª.

Kaj nun, kara leganto, feliĉan jaron, kiu ajn estu ĝia nomo!

## INTERNACIAJ KONGRESOJ

**Tiu de Romo.**—Kelkajn liniojn ankoraŭ pri la XXVIIª. Kiel ĉarma rememorigilo ni estas ricevintaj de Romo kovertegon, kiu enhavas jenajn dokumentojn:

32ª-paĝa broŝuro *Ĉu vi konas Italion?* kun pli ol 40 bildojn.—16 planoj de Romo kaj ĝiaj ĉefaj monumentoj.—Gvidfolioj: la foiro de Levanto (kun plano de Bari), Napoli (kun 11 fotograjaĵoj); Florencio (kun 12 fotografaĵoj, kaj plano kaj fasado koloraj); Verona (kun 10 fotografaĵoj kaj plano, kaj teksto itala, franca, germana, angla kaj esperanta).—Kelkaj gazetoj (*L'Esperanto, Dansk Esperanto Blad, Die Sweite Sprache für Alle, Franca Esperantisto*, k. a.).—La Oficiala Raporto de la XXVIIª, pri kies akurateco ni gratulas al U. E. A.—Plano de Napoli.—Kaj tre arta medalo.

Aparte ni ricevis la grandformatan revuon (46 × 33) *Augusta Taurinorum*, 40-paĝa, kun preskaŭ cent gravuraĵoj pri belaĵoj de Torino, eldono speciala de la Komitato «Manifestazioni Torinesi» por la Kongreso.

Jen belega adiaŭo de la XXVIIª! Gratulon al italaj samideanoj pro tiaj efikaj propagandiloj!

* * *

**Tiu de Vieno.**—La unuan de decembro estis pli ol 220 aliĝintoj el 20 landoj.—Rabatoj estas konsentataj sur fervojoj en Aŭstrujo, Germanujo kaj Ĉeĥoslovakujo, kaj surŝipe de Passau ĝis Ruse kaj returnen, sur la Danubo.—La kongresgazeto estas *Aŭstria Esperantisto*, senpage disdonota al la aliĝantoj.

*Eksperimenta letera Kongreso.* — Al ĉiu samideano (aŭ Grupo): Se vi ne havas la rimedon ĉeesti la jaran mondkongreson, eble, kiel multaj aliaj, vi ŝatus sendi komunikon kiu legiĝus ĉe iu kunsido. Tamen, ĝisnun komunikoj ne estas sur la programo (aparte de «Salutoj»). Sed, se la nuna eksperimenta kongreso havus valoran rezulton, kredeble la oficiala Mondkongreso metus «Komunikojn» sur sian programon estonte. Laŭe, vi estas invitata partopreni en «Letera Kongreso», jene:

1. Sendu komunikon al la suba adreso, almenaŭ antaŭ ol julio, 1936.

2. Via komuniko koncernu la lingvan aferon, ekz. : lernmetodon, grupkondukadon, propagandon, respondon al la skeptika demando pri la progreso de la lingvo ; aŭ, ĝi estu ideala prelego pri internacia lingvo ; k. t. p.

3. Kotizo : nenio deviga ; sed laŭvola donaco por helpi al la negrandaj elspezoj, kaj ebligi premiojn por la plej ŝatindaj komunikaĵoj, danke ricevigus.—*Geo W. Lee*, Prezidanto de Bostona Esperanto Societo.

Adreso : Esperanto-Informo, 50 Congress St., Boston, U. S. A.

---

## XI CONGRESO DE BARCELONA

*La unuaj aliĝintoj.*—1, F-no Sara Ullastres, Badalona ; 2, S-ro Francisco Gorgues Torredeflot, Barcelona ; 3, S-ro Jozefo Anglada Prior, Barcelona ; 4, S-ro Johano Floquer Ponseti, Barcelona ; 5, F-no Karmeno Viladesau Salvadó, Badalona ; 6, S-ro Francisko Vilá Costa ; 7, S-ro Antono Anglada Fernández, Barcelona ; 8, S-ro Julio Mangada Rosenörn, Madrid ; 9, S-ino Jozefino Sanz de Mangada, Madrid ; 10, S-ro Ludoviko Mangada Sanz, Madird.

11, S-ino Rosalía Fernández de Anglada ; 12, S-ro Francisko Piñol Malgrané, Barcelona ; 13, S-ro Johano Barceló Andreu, Palma de Mallorca ; 14, S-ro Jozefo Arguedas Ramón, Barcelona ; 15, S-ro Fernando Redondo Ituarte, Madrid ; 16, S-ro Julián Sosa Vinagre, Madrid ; 17, S-ro David Martín Lázaro, Madrid ; 18, S-ro Jacinto Martín Lázaro, Madrid ; 19, S-ro Víctor Domingo Tórtola, Madrid ; 20, S-ro Manosio Felgueroso Argüelles, San Julián de Vimenes (Asturias).

La **naŭdek** unuaj aliĝintoj ricevos kiel premion unu ekzempleron de *Mia poezio* aŭ de *Kreitaj profitoj* aŭ de *BES-adresaro* 1935-36.

* * *

*Novaĵoj.*—La Organiza Komitato vigle laboras por la preparo de ĉi-tiu kongreso. Multaj gazetoj, precipe de Katalunujo publikigis artikolon pri tia grava okazontaĵo.

La medalo de la kongreso, vera artaĵo, estos bela rememorigilo de tiu-ĉi kunveno.

Kelkaj kongresanoj intencas iri en Manresa'n por ĉeesti, almenaŭ parton de la programo de la kongreso de Kataluna Esperantista Federacio, okazanta de la 30ª de majo ĝis la 1ª de junio.

Ni jam komencis ricevi proponojn diskutotajn en nia kongreso : S-ro Filiberto García Hurtado, el Sueca, proponas la plialtigon de la kotizaĵo de H. E. A. Ni rememorigas al niaj samasocianoj ke ili rajtas prezenti diskutotajn proponojn ĝis la fino de januaro.

## TUTE SINCERE KAJ LOJALE

Ĉar mi estis prezidanto de H. E. A. dum lastaj jaroj, ĉar ankaŭ mi aktive agadis en la hispana esperanto-movado de antaŭ multaj jaroj, mi ne nur rajtas paroli, sed mi havas la devon tion fari same, kiel mi ĉiam faris. Kaj kvankam la plej surdaj estas tiuj, kiuj ne volas aŭdi, kaj la plej blindaj estas tiuj, kiuj ne volas vidi, tamen mi parolas kaŭze de mallaŭdindaj kaj bedaŭrindaj esprimoj aperintaj en «Kataluna Esperantisto» de Novembro-Decembro lastaj (artikolo *Oficiala angulo*).

En ĉi tiu artikolo oni parolas pri la progreso de Kataluna Esp-Federacio, kiu atingis dum 1935 la nombron 350 da membroj kontraŭ 250 por 1934, farinte tion per *sia sola penado*, kaj la artikolo diras: «*Tiu ĉi rezultato estas duoble atentinda, tial ke la tutan moralan kaj materialan subtenon ni ĉerpas nur el nia movado mem, sen la oficiala kunhelpo aŭ subvencio. Ĝuste subvencio, kiun ĝuas Hispana Esperanto-Asocio, ni povas tion diri malkaŝe, estas danĝera kaj malagrabla konkurenco, tial ke la nomita Asocio donas subpreze, dank' al la mono, kiun ĝi ricevas el la ŝtata buĝeto, cetere nutrata de niaj poŝoj, gazeton kaj broŝurojn. Ni ja ne volas plendi, ke esperantista organizaĵo ĝuas ŝtatan subvencion, sed oni povas permesi al ni proteston, ke tiun monon oni uzas ne por la ĝenerala propagando, sed tiamaniere, ke ĝi kaŭzas malutilon al aliaj organizaĵoj, kiuj sen tio disvolviĝus pli bone.*» Vere atentinda kaj laŭdinda de ĉiuj esperantistoj estas la progreso de K. E. F. tiel atingita, kaj ni, la heaanoj ĝojas pro la progreso kaj deziras tutkore pli grandan kaj rapidan progreson al K. E. F. partikulare kaj al la kataluna esperanto-movado ĝenerale, por kio la statutoj de H. E. A. devigas la heaanojn, pro kio ĵus H. E. A., pasintan jaron, favorigis la starigon de la Kataluna Ligo de Fervojistoj, komplezante petojn ĉi ties. Absolute malprava estas aserti, ke ŝtata subvencio estas danĝera kaj malagrabla konkurenco; male, ĝi estas gravega sukceso, ĉar ĉefa afero, inter la ĉefaj, de la Esperanto-Movado estas konvinki la Registarojn pri la utileco de Esperanto, kaj la subvencio elpruvas, ke H. E. A. trafis interesi la Registarojn sinsekvajn de antaŭ kelkaj jaroj per agado meritinta atenton kaj laŭdojn, kaŭze de sinsekva inspektado de la Ministerio de P. I., pere de Inspektoroj, kaj poste, lastajn jarojn, per raportoj, planoj, elpruvoj pri uzado de la subvencio kaj faktoj konvinkintaj. Precize la eldonado de materialo liverita, liverata kaj liverota, *subpreze*, kaj en sufiĉe granda kvanto, estis ĉiam en la Ministerio de P. I. kaŭzo por miro kaj sekva laŭdo, tiamaniere ke, kiam ĵusa ministro por Financoj decidis apliki al subvencioj la *Ley de Restricciones*, la ministro de P. I. malmulte malaltigis la subvencion al H. E. A. dank' al ĝia laŭdinda laboro, laŭ atestas dokumento de ĝia arĥivo. Pri la efika laboro de H. E. A., ankaŭ

atestas la informoj pri Esperanto donitaj de la Kultura Konsilantaro de la Ministerio de P. I.; atestas la preskaŭ jam disdonitaj 20.000 broŝuorj «*¿Qué es el Esperanto?*», kiun, kun aliaj dokumentoj, ricevis ĉiuj parlamentanoj de la unua Parlamento de la Respubliko, el kiuj H. E. A. trafis multenombrajn leterojn. Kompreneble ke la mono de la subvencio estas elĉerpita el poŝoj ĉies same, kiel la mono de la tuta buĝeto, kaj pro tio mem H. E. A. liveras *subpreze* ĉion, kion ĝi povas, kaj la kefanoj same, kiel ĉiuj aliaj esperantistoj, povas profiti tiujn *subprezajn* eldonitaĵojn, ĉar nenio ĉe H. E. A. estas baro al tio, povante konservi tamen sian tute sendependan Katalunan Esp-Federacion. Eĉ malamikoj de Esperanto estus malpravaj, argumentante, kiel diras «Oficiala angulo».

Ankaŭ ĉi tiu artikolo diras: «*Sed dum ni predikis kunlaboremon kaj sincere etendis la manon al ĉiu, aliaj preparis embuskon kaj kiel tretindaj serpentoj volis piki niajn kalkanojn. Proverbo diras: unu ovo malbona tutan manĝon difektas. Ni scias, kiu estas tiu ovo kaj ni ĵetos ĝin sur la vizaĝon de la fizike kaj morale sensignifa malamiko, kiu ĝis nun komprenis predikon, kiel bovo muzikon.*» *Kalumniu, ĉar io restas,* diras ankaŭ proverbo; sed alia diras: *kiu kraĉas al ĉielo, la kraĉaĵo trafas lian vizaĝon.* Kunlaborado de la hispanaj samideanoj de la tuta lando estis ĝis 1909. Kiuj rompis la kunlaboradon? Dum la mondmilito la direktantoj de K. E. F. lasis morti ĉi Federacio, kaj mi starigis la tutlandan movadon per la Federacio «Zamenhof» kaj «Hispana Esperantisto», kaj al tiu Federacio aliĝis de la komenco fortaj kaj viglaj grupoj kaj fervoraj samideanoj de la tuta Katalunujo (Grupoj «Lumon», de Tarrasa; «Aplec Esperanta Grupo», de Sabadell; «Paco kaj Amo», «Nova Sento», «Fajro», k. c., de Barcelona; Grupo de Vendrell). Kial, do, mortis K. E. F.? Mi lojale, vigle, kunlaboradis kun la katalunaj samideanoj, kaj ĉiuj sukcesigis la I-an Diskutantan Kunvenon de Esperantistoj de Iberiaj Landoj, spite de grandaj kontraŭstaroj, kaj en K. E. F. oni scias, kiuj estis la *malkunlaboremuloj.* Tiu kunveno renaskis la K. E. Fn. Do, konsciu, kiel nia laborado ne estas malfavora al la movado. Okazis la II^a Kunveno en Zaragoza. Kiuj celis malsukcesigi ĝin? Okazis la III^a en Valencio, decidinte starigi en Bilbao la tutlandan organizaĵon. Kiuj rifuzis la inviton alkuri al Bilbao por plenumi la decidon de Valencio? Sufiĉas.

Ĉu embuskoj? Kial? Kiel? Kiuj preparis ilin? H. E. A. rajtas okazigi sian kongreson ĉe iu ajn loko de la tuta teritorio de la Respubliko, kaj tial ĝi decidis Barcelonon por sia proksima kongreso sen celo pri konkurenco, sen intrigoj, sen embuskoj, nur plenrajte, klare, lojale, samideane, ĉar H. E. A. sin kondutas konstante laŭ tute regulaj kaj ĝentilaj normoj de siaj statutoj. JULIO MANGADA ROSENÖRN

## LUZ DE AMOR

¡ Qué ciego es el mundo, ma-
[dre,
qué ciegos los hombres son !
Piensan, madre, que no existe
más luz que la luz del sol.

Cuando cruzo los paseos,
cuando por la calle voy
y oigo decir a mi lado :
—¡ Pobre ciega !—digo yo :
—¡ Pobres ciegos, que no ven
más luz que la luz del sol !

Ellos ven lo que no veo ;
yo veo lo que ellos no ;
ven la guerra, mas no pueden
ver la paz del corazón ;
ven el lujo, y de riquezas
dementes corren en pos,
y rozándose conmigo
exclaman a media voz :
—¡ Pobre ciega, que no ve
de la vida el esplendor !
—¡ Pobres ciegos !—a mi turno
paso murmurando yo—.
¡ Pobres ciegos, que no ven
más luz que la luz del sol !

J. ROMÁN LEAL

## LUMO EL AMO

Panjo, la mond' estas blin-
[da ;
la homo estas blindul',
ĉar ĝi kredas ke ekzistas
nur la lumo de la sun'.

Kiam en la promenejoj
kaj la stratoj de la urb'
aŭdas mi al mi kompati
mi respondas per susur' :
«Ve, blinduloj ! Por vi estas
nur la lumo de la sun'.»

Ĝi vidas kion mi ne
kaj mi kion ĝi ne, nur ;
ĝi, militon ; mi, korpacon ;
ĝi post riĉaĵoj kaj luks'
kuras, kaj vidante min
ja ekkrias kun terur'
duonlaŭte, sed aŭdata
de mi estas la murmur' :
«—Kompatinda blindulino,
estas ne por ŝi la lum'».
Kompatindaj vi, plimulte,
pli ol mi, sen ia dub',
ve, blinduloj, ĉar vi vidas
nur la lumon de la sun'.

*Trad.:* F. REDONDO

---

## MOKEMAJ PROVERBOJ

S-ro Eusebio Blasko, la hispana ĵurnalisto, demandis iam en unu el siaj famaj gazetartikoloj : Kia estas la origino de la naciaj mokemaj proverboj ?

Vere estus kuriozaĵo kunigi tiujn proverbojn, kaj pli ankoraŭ kunigi la respondojn al antaŭa demando.

Ekzemple, kiam oni friponas en ludo oni diras ĉie pri la friponanto : «li estas greko» Kial ? Ĉu tiu popolo iam tiel belartema havas nun la *arton* trompigi la ludistaron ?

Laŭ franca modismo la simpatiaj poloj estas drinkemaj : «li drinkas

fortoj ne bone konataj ankoraŭ, *metapsikio*. Kapablo vidi objekton aŭ ricevi impresojn je granda interspaco, normale neebla, *telepatio*. Senpripense sentita de la spirito, *intuitiva*. Kiu elvokas spiritan senton, *sito*. Arto fari per hipnotigaj procedoj la homon kapabla legi ies penson, agi telepatie, *magnetismo besta*. Uzi la bestan magnetismon, *magnetizi*. (Vidu *hipnotismon*, «XXI.—Kuracarto»).

VOLO.—Kapablo dank' al kiu oni decidiĝas fari aŭ ne fari ion, *volo*. Pli voli unu aĵon ol alia, *preferi*. Kio prezentas nenian motivon por prefero, *indiferenta*. Akorde kun sia volo, kaj tial farota kun ĝojo kaj plezuro, *volonte*. Kapabla venki kontraŭstaron, *forta*. Ĉesi kontraŭstari, *cedi*; ne cedema, *obstina*. Ceda konjunkcio, *kvankam*. Tro ekskluzive sekvi sian volon kontraŭ la opinio de alia, *obstina*. Obstina kaj nescianta, *stulta*. Forto de la volo, ĉiam preta al agado, persistemo, *energio*. Freŝa, energia, plena je fortoj, *vigla*. Vigligi, *veki*. Senenergiigi, *deprimi*. Energia ago de la korpo aŭ de la spirito, *peno*. Energie streĉi la fortojn de la korpo aŭ de la spirito por atingi iun celon, *strebi*. Peni realigi entreprenon, *klopodi*. Senpene farebla, *facila*. Daŭrigi sian laborceladon malgraŭ malfacilaĵoj, *persisti*.
Devigi al io malagrabla kontraŭ ies volo, *trudi*. Havi efikon super la volo de alia, *influi*. Influo je persono hipnotigita iganta ĝin pensi kaj voli kion deziras la hipnotiganto, *sugesto*. Homo regata de io, *sklavo* (figura senco). Persono sen propra volo, sen karaktero, *marioneto* (figura senco); sen energio, *aŭtomato* (figura senco).

**Deziro.**—Direkti la volon, la agadon, por atingi ion, *celi*. Voli posedi aŭ ĝui ion, *deziri*; deziregi, *soifi*. Subita senkonsidera d., *kaprico*. Tre kaprica ŝanĝhumora, *lunatiko*. Ameto por ia celo, *inklino*. Nenormala ekstrema inklino, *manio*. Manio por unu speco de ideoj aŭ objektoj, *monomanio*; por alkoholaĵoj, *dipsomanio*; por malĉastaj ideoj, *erotomanio*. Instinkta d. por io, *apetenco*. Kies d. estas plene kontentigata, *sata*. Senti fortan deziron reakiri ion perditan, *sopiri*. Altiri, esti dezirinda, *logi*. Deziregi posedi ion, *avida*. Deziri oficon, postenon, *aspiri*.

**Decidi.**—Post pripenso konkludi kion oni devas fari, *decidi*. Nescii ĉu oni devas fari ion aŭ ne, *ŝanceliĝi*, *heziti*. Hezitanta inter pluraj kontraŭaj decidoj, *perpleksa*. Decida elekto de unu el du aferoj, *alternativo*. Malfacila alternativo, *dilemo*. Plene konformiganta siajn farojn al siaj principoj, *konsekvenco*. Peni ne fari ion, *eviti*. Peni per la spiritaj fortoj forigi malhelpon, *batali*. Pripensanta antaŭ la agoj, *serioza*.

**Virto.**—Konstanta emo de la animo fari bonon, *virto*. Malvirteco, *grangreno* (f.). Inklino pro ofta ripetado, *kutimo*. Kutimo de popolo, maniero kiel ĝi agas en socia vivo, *moro*. Io ne konforma al la moroj de la epoko, *anakronismo*. Akordiĝanta kun la bonaj moroj, *morala*. Aro de reguloj pri ĝusta vivmaniero, *moralo*. Scienco pri la principoj de la moralo, *etiko*; pri la deveno de la moroj, *etiologio*; sciencisto, *etiologo*. Parto de la etiko, kiu temas pri la devoj, *deontologio*.

Konscio pri la praveco aŭ nepraveco de niaj agoj, *konscienco*. Esti konforma al la moraleco, al la bonmoreco, *deci, konveni*. Maniero agi je la deca vidpunkto, *konduti*. Maldelikata vulgara konduto, *triviala*; maldeca, senhonta, *cinika*. Tio, kio devas gvidi la konduton, *regulo*. Distingiĝanta per siaj altaj moralaj kvalitoj, *nobla*. Plej alta nobla celo, *idealo*. Celado al perfekteco sen zorgo pri la realeco de la vivo, *idealismo*; kiu celas, *idealisto*. Persono tre bonkora, tolerema, milda, *anĝelo* (f.). Persono perfekta, *perlo* (f.). Plejbona parto de personaro, *kremo* (f.), *elito*. Homo severa pri la moroj, *puritano*. Severeco, *puritanismo*. Ŝajniganté ekstreman kontemon en ĉio kio koncernas la bonmorecon, *pruda*. Maltrankviliganta dubo en la aferoj de la konscienco, *skrupulo*. Tio, kio transpasas la limojn de bonmoreco, *eksceso*.

**Agmaniero kun la aliaj.**—Kaŭzi vivan agadon de io, *eksciti*. Esti tre ekscitita, *boli*. Eksciti ies aktivecon, *stimuli*. Daŭrigi eksciton, *fomenti*. Puŝi morale al ago, *instigi*. Instigi al malbona faro, *tenti*; al la virto, *edifi*. Ruze sekrete agi por utili al si kaj malutili al aliaj, *intrigi*. Ruze erarigi iun, *trompi*. Peni intrigi per trompo, *insidi*. Ne trompanta, respektanta bonmorecojn, *honesta*. Honesteco, *digno*. Esti certa pri la honesteco de iu, *konfidi*. Trouzi la konfidon, trompi, *perfidi*. Neperfida, *fidela*. Ruza trompisto, *fripono, kanajlo*. Inklina al malbonfarado, *perversa*. Vivi sen idealoj, *vegeti*.

Aganta kaj parolanta sen ŝajnigo, akorde kun siaj opinioj, *sincera*. Nesincera; ŝajniganta virton, kiun oni ne posedas, *hipokrita*. Hipokritulo, *jezuito*. Opiniante sian situacion malalta kaj montranta tion per siaj manieroj kaj konduto, *humila*. Havanta malaltan opinion pri siaj meritoj, virtoj, *modesta*. Bonmaniera, obeanta la regulojn de la konveneco, *delikata, ĝentila*. Neĝentila pro severeco, *akra*; pro needukiteco, *kruda*; pro lakonismo, *seka*. Maldece aŭ arogante malrespekta, *impertinenta*. Kondukanta amike kun alia, penante esti agrabla al alia, *afabla*. Kiu lerte scias trakti kun alia, *diplomato* (f.). Servo de afableco, *komplezo*. Persono de stranga konduto, diferencanta de tiu de ordinara homo, *originala*. Sensenca strangaĵo, *ekstravaganco*. Persono

malofta, supera, *fenikso* (f.). Imitinda persono, *ekzemplo*. Posedanta la noblajn ecojn de la homo (kompatema, bonfaranta, helpema), *humana*. Favora, indulga, delikata, plenumanta siajn devojn, ne dezirante malutili, *bona*.

**Karaktero.**—Individuaj ecoj de la animo, *karaktero*. Montri, difini karakteron, *karakterizi*. Eco de karaktero, *trajto*. Aro de psikologiaj kaj fiziologiaj ecoj de individuo, *temperamento*. Ĉefa temperamenta eco de persono, *idiosinkrazio*. Temperamento indiferenta malrapidema, *flegma*; sentema, vivema, *sangvina*; malpacienca, agema, *nerva*. Arto koni la karakteron de persono per la esploro de lia skribo, *grafologio*; per ies fizionomio, *fiziognomio*. Grafologiisto, *grafologo*. Fortigi la karakteron per moralaj aŭ fizikaj kontraŭaĵoj, *hardi*.

## XX. — MANĜO. TRINKO. DORMO

**Ejoj.**—Subtera spaco en kiu oni konservas nutraĵon, vinon, *kelo*. Kelo ŝirmata kontraŭ la varmo, kie oni konservas la glacion, *glacikelo*. Publika ejo, kie oni manĝas kaj trinkas, *restoracio*. Manĝanto en restoracio, *gasto*; servisto, *kelnero*. Malgranda butiko, kie oni vendas manĝaĵon kaj trinkaĵojn al speciala aro de personoj (kiel soldatoj, laboristoj, lernantoj, k. c.), *kantino*. Tablo kun manĝajo en restoracio, stacidomo, teatro, *tablo*; ĉambro kie estas tiu tablo, *bufedo*. Ĉambro luata kun la manĝo, *pensiono*.

**Iloj.**—Tuko sur kiu oni metas la manĝilaron, *tablotuko*. Tuko por purigi la lipojn dum la manĝado, *buŝtuko*. Listo de manĝaĵoj el kiuj konsistas tag— aŭ vespermanĝo, *menuo*. Ilo kun tenilo por ĉerpi, manĝi fluidaĵojn, *kulero*. Tenilo kun du, tri, kvar longaj dentoj ĉe la ekstremo, per kiuj oni trapikas pecon de manĝaĵo por manĝi ĝin, *forko*. Forko kun tri dentoj, *tridento*. Ilo por tranĉi panon, frukton aŭ aliajn manĝaĵojn, *tranĉilo*. Metala, akra parto de tranĉilo, *klingo*. Ujo argila, metala aŭ ligna destinita por enhavi substancojn, *vazo*. Kanaleto de vazo por verŝi el ĝi fluidaĵon, *orelo*. Plata vazo malalta, ordinare porcelana aŭ fajenca, el kiu oni manĝas, *telero*. Manĝilaro por unu persono, *servico*. Vazo el lignaj tabuletoj (nomataj *daŭboj*) kunigitaj per ringoj, kun du fundoj, *barelo*. Ligna krano por eltiri fluidaĵon de barelo, *lignokrano*. Granda nekovrita cilindroforma vazo por fluidaĵoj, *tino*. Ordinare vitra longa vazo kun mallarĝa malferma parto, por fluidaĵoj, *botelo*. Peco de ligno, de vitro per kiu oni ŝtopas botelon, *ŝtopilo*. Ŝtopilo el korko, *korko*. Ilo por eltiri korkon de

botelo, *korktirilo*. Vitra larĝbaza botelo por akvo aŭ vino, *karafo*. Boteleto por likvoroj plejofte fermita per ŝtopilo el sama materio, *flakono*. Speco de sako el felo por konservi likvaĵojn, *felsako*. Botelo kun sifona tubo por gasaj akvoj, *sifono*. Antikva vazo alta kaj mallarĝa kun du teniloj, uzata por vino, oleo, mielo, *amforo*. Vazo por kafo, teo aŭ lakto kun larĝa ventro tenilo kaj orelo, *kruĉo*. Vitra vazo por trinki, *glaso*. Porcelana aŭ fajenca glaso kun tenilo, *taso*. Trinkvazo supre pli larĝa ol ĉe la bazo, kun piedo, *pokalo*. Pokalego uzita de la antikvaj saksoj, *hanapo*. Luksa pokalo plejofte metala, *kaliko*. Sanktigita kaliko uzata por konsekri la vinon dum la meso, *kaliko*. Plata vazo sur kiu oni portas telerojn, glasojn, *pleto*. Malprofunda vasta vazo sur kiu oni metas kaj disportas manĝaĵojn, *plado*. Telereto sur kiu oni metas glason, tason, *pladeto*.

Granda ligna vazo en kiu oni donas manĝaĵojn al la bestoj, *trogo*. Argila aŭ metala vazo en kiu oni kuiras, *poto*. Metala, ofte kupra, kuirpoto kun tenilo, *kaserolo*. Kaserolo kies kovrilo povas ricevi brulantajn karbojn, *stufilo*. Granda metala vazo en kiu oni boligas, kuiras, *kaldrono*. Malprofunda vazo kun longa tenilo por friti, *pato*. Metala aparato uzata en Rusujo por boligi akvon destinitan al preparado de tetrinkaĵo, *samovaro*. Speco de vazo duonsfera, *bovlo*.

**Kuirarto.**—Mortigi bruton por manĝado, *buĉi*. Prepari nutraĵon per la fajro, precipe boligi fluidan nutraĵon aŭ solidan en fluida, *kuiri*. Kuirarto, *gastronomio*. Specialisto en la kuirarto, amanta luksajn delikatajn manĝojn, *gastronomo*. Kio rilatas al la kuirado, al la preparado de la manĝo, *kulinara*. Skribo, klarigo por prepara de miksaĵo por kuireja celo, *recepto*. Prepari manĝaĵojn kun graso per la varmego de forno (ekstere), *friti*; (en ĝia fermita spaco), *rosti*. Rosti tiamaniere ke la viando saturiĝu de la propra vaporo, *stufi*. Eligi, elpreni la efikajn substancojn per kuirado, solvado, *ekstrakti*. Rondturni fluidaĵojn per bastoneto, *kirli*. Aldoni al la manĝaĵo, trinkaĵo vegetaĵajn substancojn aromajn kaj akregustajn por fari ilin pli bongustaj, *spici*. Fabriko kie oni preparas la salon elvaporigante per bolado salhavajn akvojn, *salbolejo*. Varmigi nutraĵon nekontakte de la fajro, *rosti*. Ŝanĝi lakton en butero, *buterigi*. Espozi viandon en fumo por konservi ĝin, *fumizi*. Konservi en vinagro kun spicaĵoj, *marini*. Konservi viandon ŝutante sur ĝin, salon, salpetron, pipron kaj premante ĝin per peza objekto, ekzemple, per ŝtono, *pekli*. Tre salita akvo en kiun oni metas fiŝojn por konservi ilin, *peklakvo*. Ornami manĝaĵon per legomoj arte dismetitaj, *garni*. Surkovri manĝaĵon per panraspitaĵo kun butero, kaj baki ĝisbrune, *grateni*. Ŝmiri per meringela pasto, *meringeli*.

Pecetigi aŭ pulvorigi grenon, *mueli*. Ŝeloj de greno apartigitaj per

muelado, *brano*. Greno senigita de brano kaj pulvorigita, *faruno*; pecetigita, *grio*. Speco de grio ekstraktata el medolo de iaj palmarboj, *saguo*; el radiko de la manihoto, *tapioko*. Kuiri en forno malmoligante per varmo, *baki*. Premante kaj kirlante miksi per la manoj farunon kaj akvo, *knedi*.

Manĝaĵo el fermentita knedita kaj bakita faruno, *pano*. Faruno knedita kun akvo, *pasto*. Tre maldika disketo el nefermentinta pasto por surglui paperon, fari hostiojn, k. c., *oblato*. Oblato kiun la pastro sanktigas dum la meso, *hostio*; ĝi estas senfermenta. Manĝpasto el faruno kaj ovoj distranĉita laŭ mallarĝaj rubandoj, *nudelo*. Maldika pastaĵo farita el faruno miksita kun lakto kaj ovoj, kiun oni fritas en pato kaj manĝas kun sukerpulvoro, *krespo, patkuko*. Plata bakaĵo de pasto, *flano*. Tritika pasto, kiu ĝenerale envolvas tranĉaĵon de frukto, *benjeto*.

Franda bakaĵo el diversspeca pasto kun sukero, *kuko*. Kuko el migdalo kaj sukero, *makarono*. Plata kuko el nefermentinta pasto, kiun la hebreoj manĝas dum la Pasko, *maco*. Ringforma seka sukerita kuketo, *kringo*. Seka nesukerita kuko, kiu krakas sub la dento, *krakeno*. Pankuketo el delikata faruno, *bulko*. Speco de pano aŭ kuko dufoje (aŭ longe) kuirita ĝis plena sekeco, *biskvito*. Angla sensukera kuko, *trumpeto*. Kuko kun sekaj vinberoj surverŝita per rumo, *babao*. Malpeza kukaĵo el kirlita ovblankaĵo kaj sukero, *meringelo*. Mola kuirita miksaĵo el ovoj, lakto kaj sukero, *flano*. Plata, ordinare rondforma kuko, sur kiu estas etendita tavolo da flano aŭ da sukeritaj kuiritaj fruktoj, *torto*. Angla kuko preparita el faruno kaj sekvinberoj, *pudingo*. Kuko farita el pasto kun pistitaj migdaloj kaj sukero, *marcipano*. Substanco enhavanta mikroorganismojn, kaŭzanta fermentadon, ŝvelon de pasto, *feĉo*.

Bongusta manĝaĵo el kakao, sukero, k. c., *ĉokolado*. Manĝaĵo kun aspekto de mola pasto kaj farita precipe el faruno miksita kun lakto, aŭ el legomoj longe kuiritaj kaj duonfluecigitaj per akvo, *kaĉo*. Kaĉo el grio, *griaĵo*. Amelo el kelkaj intertropikaj radikoj de marantacoj uzata kiel manĝaĵo, *aroruto*.

Kuirita fluida manĝaĵo, kiun oni manĝas per kulero, *supo*. Rusa acideta supo el betoj, *barĉo*. Maldikaj pastaj strioj, manĝataj kun supo, *vermiĉelo*. Pasto el tritika faruno fabrikata plejofte en la formo de tubetoj kaj sekigita, *makaronio*. Akvo en kiu oni kuiris viandon, *brogaĵo*. Likvaĵo ricevata per boligo de viando aŭ fiŝoj en akvo, kelkafoje kun legomoj, *buljono*.

Ĉiu manĝebla ĝardena vegetaĵo (escepte de fruktoj), *legomo*. Vegetaĵoj tute manĝeblaj, *fungoj*. Kun manĝebla radiko: *napo, rapo*,

rafano, *karoto* kaj *rapunkolo*. Kun manĝebla tubero: *orkido, batato* aŭ *patato* kaj *terpomo*. Kun manĝeblaj tigoj: *asparago* kaj *brasikrapo*. Kun manĝeblaj folioj: *spinaco, okzalo* kaj *brasiko*. Kun manĝeblaj folioj kaj floroj: *florbrasiko, brokolo, burĝonbrasiko* kaj *bruselbrasiko*. Manĝeblaj salate: *lepidio, portulako, apio, celerio, endivio, skarolo* kaj *laktuko*. Kun manĝeblaj floroj: *artiŝoko* kaj *kardono*. Kun manĝeblaj semoj: *rizo, kenopodio, poligono, fabo, fazeolo, lento, pizo, kikero* kaj *helianto*.

Fruktoj manĝeblaj: *mango, kokoso, daktilo, bananfigo, ananaso, moruso, figo, kaŝtano, avelo, glano, juglando, vinbero, oranĝo, mandarino, citrono, frago, ribo, groso, frambo, migdalo, persiko, ĉerizo, abrikoto, prunelo, pruno, pomo, piro, mespilo, sorpo, azarolo, flakurtio, berberiso, mirto, psidio, granato, nopalo, manglo, olivo, likopodio, tomato, melongeno, mirtelo, melono, akvomelono, kukurbo, kukumo, pepo, tragopogo* kaj *skorzonero*.

Manĝaĵo farita per ia speco de brasiko fermenttia, *saŭrkraŭto*. Manĝaĵo konsistanta el freŝaj aŭ boligitaj herboj aŭ legomoj spicitaj per salo, oleo kaj vinagro, *salato*.

**Bestodevenaj manĝajoj.**—Ĉefaj manĝeblaj bestoj:

Krustacoj: maraj, *palinuro* kaj *omaro*; riveraj, *astako* kaj *kankro*.

Moluskoj: *heliko, ostro, mitulo, sepio, kalmaro* kaj *loligo*.

Fiŝoj: *petromizo, sturgo, angilo, kongro, mureno, haringo, anĉovo, sardino, sardelo, salmo, truto, tinko, barbio, gobio, ezoko, gado, merluĉo, perkoidoj* kaj *skombroidoj*.

Reptilioj: *testudo*.

Birdoj: *kolimbo, podicepso, mevo, laro, ganso, anaso, fenikoptero, flamengo, karadrio, bekaso, ardeo, fazano, koko, kapono, numido, meleagro, koturno, perdriko, ĉiuj kolombabirdoj*, escepte la kurierbirdoj (kies ĉasado estas malpermesata), kaj *kasuaro*. Iuj homoj eĉ manĝas etajn paserojn kiel *turdon, merlon*, k. t. p.

Mambestoj: *kanguruo, delfeno, foceno, fokoj, rinocero, porko, apro, dikotelo, cervo, damao, kapreolo, mosko, rangifero, cervolo, ŝafo, merinoso, kaprido, antilopo, ĉamo, gazelo, gnuo, bovo, bizono, lamo, alpako, vikuno, leporo, kuniklo, agutio, histriko, sciuro, erinaco* kaj *urso*. Iuj homoj ankaŭ manĝas viandon de *ĉevalo, kamelo* kaj *ĝirafo*.

Manĝebla substanco kovranta la ostojn de besto kaj konsistante el muskoloj, *viando*. Facile ŝmirebla kaj fandebla substanco de la korpo de besto, *graso*. Graso formanta tavolon sur la ripoj de bestoj, precipe de porkoj, *lardo*. Rostita vianda ripopeco, *kotleto*. Maldika rostita tranĉaĵo de bovaĵo, *bifsteko*; dika, *rostbefo* aŭ *rostbifo*. Viando ornamita per la propra gelateno, *galantino*. Hakita spicita viando aŭ fiŝo

bakita en kovraĵo el pasto aŭ graso, *pasteĉo*. Vianda, fiŝa aŭ legoma manĝo, kuirita en spicita saŭco, *raguo*. Hakita spicita viando, kiun oni metas en la internon de legomo, fiŝo, k. t. p., *farĉo*. Manĝebla intesto de la bestoj, *tripo*. Besta intesto plenigita per bakita spicita viando, *kolbaso*; per kuirita spicita sango, *sangokolbaso*. Salita porka femuro, *ŝinko*. Hakita porkaĵo aŭ kokidaĵo miksita kun graso, *rijeto*. Fluidaĵo en la viando, *suko*.

Kirlitaj ovoj kuiritaj en pato kun butero kaj spico, *ovaĵo, omleto*. Ovoj povas ankaŭ esti preparataj: *enŝele bolitaj, duonkuiritaj, malmole kuiritaj, fritiitaj*. Ovoj de salita fiŝo konservitaj en vinagro, *botargo*. Frandaĵo konsistanta el sturga frajo salita, *kaviaro*.

Grasa fluidaĵo produktata el diversaj vegetaĵaj substancoj (olivo, lino, nukso), aŭ el organo el iaj bestoj (baleno, foko), *oleo*.

Gusta substanco, kiun oni miksas kun manĝaĵo por igi tiun-ĉi pli bongusta, *kondimento*.

De la sekvantaj vegetaĵoj oni utiligas kiel spicaĵon la radikon: *ajlo, bulbo, cepo, kreno, pastinako*; la tigon: *cinamo*; la foliojn: *poreo, laŭro*; la burĝonojn: *petroselo, kariofilo, kaporo*; la floron: *kroko, safrano*; la semojn kaj fruktojn: *vanilo, pipro, kumino, anizo, fenkolo, papriko, pimento*. Spicaĵo el sinapo kaj vinagro, *mustardo*. la fluida spicaĵo, *saŭco*. Klorido de natrio, blanka pulvora spicaĵo, ofte ekstraktita el marakvo, *salo*. Ruĝa substanco ekstraktita el la bikso kaj uzata por kolorigi iajn manĝaĵojn, *rokuo*.

Postmanĝaĵo konsistanta el fruktoj, dolĉaĵoj, k. c., *deserto*. Dolĉa suko, kiun la abeloj suĉas el la floroj, *mielo*. Blanka dolĉa substanco fabrikata el betoj, el sukerkanoj aŭ el aliaj vegetaĵoj, *sukero*. Purigita kristaligita diafana sukero, *kando*. Sukero fandita kaj parte malkomponita per la fajro, *karamelo*. Frandaĵo el miela aŭ karamela pasto enhavanta migdalojn, *nugato*. Malgranda sukeraĵo, *bombono*. Folio el stano kaj aluminio uzata por envolvi ĉokoladon, bombonojn, k. s., *staniolo, stanfolio*. Bombono diskoforma, *pastelo*. Fruktoj kuirigitaj kun sukero por tuja uzo, *kompoto*; kuiritaj en densa siropo (*konfititaj*) por ilin konservi, *konfitaĵo*; konfititaj sufiĉe longe por ke ili konsistigu densan substancon, *marmelado*. Vegetaĵoj uzataj por konfitaĵoj, *oksihoko, vakcinio*. Bruna siropa substanco el la restaĵoj de rafinita sukero, *melaso*. Densa kuirita solvaĵo de sukero ofte aromigita por fruktosuko, *siropo*.

Blanka fluidaĵo produktata de mambestino por nutri la idon, *lakto*. Plej grasa parto el la lakto, kiu post kelktempa senmoveco leviĝas al la supraĵo, *kremo*. Grasa substanco eltirita el kremo per kirlado, *butero*. Artefarita butero el besta graso, *margarino*. Kiam lakto mal-

komponiĝas, densa solidiĝinta ne fermentinta parto, *kazeo*. Manĝaĵo farita el kazeigita lakto, *fromaĝo*. Fluida dolĉaĵo el ovoflavaĵo, sukero kaj lakto, *ovolaktaĵo*. Fermentinta acida ĉevalina lakto, uzata kiel trinkaĵo, *kumiso*. Lakto kazeigita per speciala fermento, tre saniga por la intestoj, *jahurto, jogurto*.

Tre bongusta manĝaĵo, *ambrozio*. Nutraĵo de la grekaj dioj, *ambrozio*.

**Manĝaĵoj por bestoj.**—Rikoltita herbo (ekzemple, *lupino, trifolio*) verda aŭ sekigita, utiligata por nutri brutojn, *furaĝo*. Matura herbo kiun oni falĉas kaj sekigas ĉe la suno por ĝin konservi kiel nutraĵon por la brutoj, *fojno*. Sin nutri la brutaro manĝante sur la kampo herbojn (kiel *kolzon, napon*, k. c.). *paŝtiĝi*. Brutoj manĝas ankaŭ grajnojn (*hordeon, avenon*, k. c.) kaj pajlon (el *festuko, bromo, holko*, k. c.).

**Trinkaĵoj.**—Nekolora fluidaĵo, kiu elŝpruĉas el fontoj kaj el kiu konsistas la riveroj, *akvo*. T. el akvo, citrono kaj sukero, *limonado*. Fermentita t. konsistanta el akvo kaj mielo, *mielakvo*. T. preparita el semgrajnoj de kafarbo, *kafo*; el sekigitaj folioj de tearbo, *teo*; el sekigitaj folioj de mateo, *mateo*. Surogato de la kafo, *cikorio*. Gashava t. konsistanta el siropo kaj enteenata en iaj specialaj boteloj, *sodakvo*.

*Lakto* kaj *kumiso* (vidu paĝon 103-an, linion 4-an m., kaj paĝon 104-an, linion 4-an).

Suko elpremita el la vinbero kaj ankoraŭ ne fermentinta, *mosto*; jam fermentinta, *vino*. Vino el aliaj fruktoj, precipe el pomoj, *cidro*. Acidigita vino, uzata kiel spicaĵo, *vinagro*. Franca ŝaŭmanta vino, tre ŝatata, *ĉampano*. Vino farata per ia speco de vinberoj kun tre agrabla gusto, iomete simila al tiu de muskato aŭ de mosko, *muskatvino*. Sukerita vino, kun iom da muskato kaj citrono, *biŝofo*. Blanka vino, en kiu estas infuzitaj diversaj maldolĉaj substancoj, *vermuto*.

T. el alkoholo, aromaj vegetaĵoj kaj sukero, *likvoro*. Likvoro el anizaj granoj, *anizlikvoro*; el la beroj de la nigra ribo, *riblikvoro*. Varma likvoro el akvo kaj citrono aŭ aliaj aromaĵoj, *punĉo*. Varma likvoro el rumo, *grogo*.

Fermentita t. produktata el lupolo kaj diversaj grenoj, precipe el hordeo, *biero*. Surfundaĵo de vino aŭ biero, *feĉo*. Feĉo de fermentata biero uzata kiel fermento, *gisto*. Fermentinta sekigita greno, precipe de hordeo, uzata por fabriki bieron, *malto*. Forta angla biero, *portero*.

Alkohola t. farita per distilado de fruktoj, grenoj aŭ vino, *brando*. Brando de vino, fabrikata en la samnoma franca urbo, *konjako*; de

kiel polo». Sed por hispanoj drinki ne estas simili polon, sed «havi turkinon».

La ŝuldanto, aŭ pli ĝuste, la ŝuldisto diras en Hispanujo pri sia ŝuldataro «ili estas miaj angloj», kaj en Francujo, «ili estas miaj judoj».

Por portugalo fanfaronaĵo estas «hispanaĵo» kaj por hispano estas «portugalaĵo». Kiu estas pli prava? Mi nescias.

Ni diras en Hispanujo: «ĵaluza kiel turko» kaj niaj francaj amikoj: «ĵaluza kiel hispano». Tio estas, por francoj ĵaluzujo estas Hispanujo kaj por ni, ĝi estas Turkolando.

Francoj kaj hispanoj nomis siajn malamikojn dum la militoj de 1870ª kaj 1908ª «porkoj». Ĉu estas honore esti venkata de «porko»? Mi kredas ne. Tamen, ili ne korektis la diron post la malvenko.

En Parizo oni diras ofte: «li estas kiel normando, ĉar li diras nek jes, nek ne». Sekve, normandoj estas nesinceraj.

Kiam iu estas nekredinda oni diras hispane al li: «vi estas turko, do, mi ne kredas vin» kontraŭe, la ĥinoj estas tre trompitemaj laŭ la hispana proverbo: «oni trompigis min, kiel ĥinon».

La svedoj estas tre ĝentilaj. Kiam mi skribas al ia tiea samideano, mi ĉiam ricevas respondon. Do, kial oni diras en Hispanujo pri tiu, kiu ne respondas «li svediĝas»? Eble tiel malprave kiel francoj diras pro tiu, kiu projektas multe kaj faras nenion: «li faras kastelojn en Hispanujo».

Oni diras hispane pri tiu, kiu scias nenion kaj ne klopodas por kompreni ion «li estas kiel la ikonoj de Francujo, kiuj nek vidas, nek aŭdas, nek komprenas». Sed, ĉu la alilandaj ikonoj estas pli lertaj?

Zaragozanoj estas famaj pro sia obstineco; kvakeroj pro sia severeco; hispanaj galicianoj pro sia avareco; andaluzianoj pro sia mensogemo; iroj pro sia idioteco; sendube kaj famoj estas ofte malpravaj, kaj ni ja scias tion. Sed ni daŭrigas uzante tiujn proverbojn kaj frazojn en niaj naciaj lingvoj.

Ĉia lingvo havas proverbojn por moki alilandulojn. Nur Esperanto estas nekalumnianta lingvo. Kvankam ĝi ne havus aliajn perfektaĵojn, nur pro tio ĝi estas pli bona ol ceteraj lingvoj; kvankam ne estus aliaj kialoj, tio-ĉi sufiĉas por ke ĉiu homarano estu entuziasta esperantisto.

FERNANDO REDONDO

---

—Kia realeco tia de viaj pentraĵoj! Rigardante tiun pentraĵon *mia buŝo akviĝas* (hispana frazo por montri apetitan ekściton).

—Kial? Ĉu via buŝo akviĝas rigardante ekkuŝiĝantan sunon?

—Ha! Ĉu ĝi montras ekkuŝiĝantan sunon? Mi supozis, ke ĝi reprezentis frititan ovon!

# ENLANDA KRONIKO

*Torrelavega (Santander).* — La pasintan novembron okazis ĉe la *Biblioteca Popular* (Popola Biblioteko). Ekspozicio de esperantaĵoj, kiu estis tre vizitata de multenombra publiko, kiu tre laŭdis ĝin. Post unu semajno ĝi estis fermata per brilega parolado de la tiea grupo S-ro Miguel Martínez Vitrero pri «Esperanto kiel mondhelpa lingvo».

S-ro Andrés Herreros gvidas kurson kun 35 lernantoj.

* * *

*Santander.*—La 16-an de decembro oni festenis en la Esperantista Fako de *Ateneo Popular* la datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro per te'trinkado sekvata de publika noktokunveno, kiun ni ne povas priskribi detale pro manko da spaco. Paroladis sinjoroj Carlos González (prezidanto de la Fako), Luis Merino (klera blindulo esperantista, kiu rememorigis ke Teófilo Cart adaptis al Esperanto la metodon Braille por la blinduloj), kaj Serafín Diego. Poste oni legis iajn notojn de la grava propagandisto S-ro Julio Mangada.

Dum la dua parto de la kunveno muzikon ludis fraŭlinoj Julita García (pianon), María del Carmen Ruiz (violonon) kaj S-ro Angel García (violonĉelon). La brila koncerto finis ludante la esperantan himnon.

Kiel notinda detalo ni citas ke la juna pentristo S-ro Saturnino Panojo surprizis la ĉeestantaron per granda arta portreto de D-ro Zamenhof, kiu estis lokata ĉe la ĉefloko de la salono.

La urba gazetaro amplekse recenzas la feston.

* * *

*Alicante.*—Oni ĵus starigis en Alicante grupon unuafoje. Ĝi konsistas el 21 membroj kun la jena komitato: S-roj Pérez Alcorta, prezidanto; Almada, kasisto; Guardiola kaj Martí, voĉdonantoj, kaj E. E. Yelland, sekretario. Kunvenoj okazas ĉiumerkrede je la 19ª ĝis la 21ª en strato Torrijos, 41, teretaĝo.

Artikoloj kaj anoncoj aperas en la lokaj ĵurnaloj. S-ro Yelland gvidas kurson laŭ rekta metodo al 28 lernantoj.

La loka radiostacio anoncis la kurson kvarfoje (trifoje senpage), kaj la 14-an de decembro de la 21-30 ĝis 22-00 oni disaŭdigis paroladon hispane kaj esperante pri «Biografio de Zamenhof kaj lia verko». Komence de la nova jaro okazas kurso per radio.

* * *

*Barcelono.*—Kun la celo diskonigi al la neesperantistoj la 76-an datrenevon de D-ro L. L. Zamenhof kaj la gravecon de Esperanto,

la «Zamenhof-Instituto» okazigis la 14-an de decembro lasta, je la 3ª posttagmeze kaj je la 8'30 vespere du paroladojn per radio. La unua, de S-ro Jozefo Anglada, temis pri la memorinda dato kaj pri la personeco de D-ro Zamenhof kaj proklamis la komunajn celojn de nia esperantista propagando, kaj la dua, de S-ro Francisco Gorgues, temis ankaŭ pri la instrua kaj eduka valoro de Esperanto. Ambaŭ paroladoj okazis en kataluna lingvo kaj respektive el la stacioj «Radio Barcelona» kaj «Radio Badalona».

La «Instituto Zamenhof», krom la granda laboro entreprenita por la organizo de nia XIª Hispana Esperanto-Kongreso, daŭrigas kun sukceso siajn parolajn kursojn, elementa kaj supera, kaj sian korespondan kurson de Esperanto. Por aliĝoj al la Kongreso kaj detaloj pri la kursoj, oni sin turnu al la sekretariejo de la dirita Instituto (calle Sitjas, 3, pral., Barcelona).

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Radio kaj Esperanto.*—La franca sendstacio Radio-Lyon resendas, kiel en la pasinta jaro ĉiulunde (215'40 m.—25 kv.) kurson de Esperanto, de 18'30 ĝis 18'45 (horo de okcidenta Eŭropo). La profesoro, S-ro Georges Pouchot, estas antaŭ la mikrofono kun junaj lernantoj.—Radio-Lyon korege invitas ĉiujn esperantistojn sendi proponojn kaj rezultatojn pri iliaj receptoj. Skribu al la Direktoro de Radio-Lyon, 39, rue de Marseille, Lyon VII, Francujo.

Radiostacio de Minsk (Rusujo) dissendas esperante ĉiumonate ĉiun 3, 6, 9, 12, 15, 18, 21, 24, 27 kaj 30-an tagon, de la 19 h. 55 m. al 20 h. 10 m. (okcidenteŭropa tempo); ondolongo 1.442 m. Oni petas skribi pri tiuj sendaĵoj al Minsk ul. Kirova, 16, Esperanta sektoro de Minska radio komitato.

* * *

*Ĥinujo.*—Ĥina Esperanto Biblioteko estus tre danka al ĉiuj esperantaj organizaĵoj, kaj al ĉiuj esperantistoj se ili bonvolus sendi esperantajn eldonaĵojn por riĉigi la bibliotekon kaj fortigi la tiean propagandon. Adreso P. O. Box, 274, Shanghai, Ĥinujo.

---

En bonfara festo, fraŭlino tenante monpleton al riĉega kvankam avara bankiero petas lian monhelpon.

—Mi ne havas monon—diras la bankiero.

—Nu, en tia okazo, prenu iom, ĉar tio ĉi estas por la malriĉuloj.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GVIDFOLIOJ.—De *Austrujo*. Ni estas ricevintaj du propagandilojn por la turistoj. La unua estas faldprospekto 23 × 11'5, titolata «*Aŭstrio, kostumoj en Bruckner-lando, Super-Aŭstrio*». 16 paĝa kun kolora fasado kaj dudeko da belegaj fotografaĵoj kaj koloraj bildoj. La dua estas broŝuro 20'5 × 10'5 titolata «*Aŭstrio*», 24-paĝa, detala landkarto kaj kovrilo kun pli ol dudek fotografaĵoj de Aŭstrujo, priskribo de Vieno kaj aŭstraj provincoj, kaj interesaj sciigoj por la turistoj.

De *Hungarujo*. Gvidfolio pri Budapest, «la metropolo de sanigbanejoj» kun fotografaĵoj kaj interesaj sciigoj. Detala informo pri tiu afero: Centra Komitato de la Termalbanejo kaj Resanigejoj. Vigado Placo, 3, Budapest, V (Entrepreno de U. E. A.; Esperanto uzata).

*Adreslibro de la komercaj reprezentantoj en Bukaresto* (*Rumanujo*) kun prologo kaj varolisto en lingvoj rumana, franca, angla, germana kaj esperanta. Tre utila verko por komercistoj kaj industriistoj, ĉar ĝi enhavas proksimume kvincent adresojn de firmoj de Bukaresto.

*Astronomio*.—Sub la ĝenerala nomo «Unua paŝo al la vojo de la scienco», S-ro Joĉaŝien (P. O. Kesto, 274, Shanghai, Ĥinujo) kompilis serion da esperantaj ŝlosiloj pri fiziko, meteorologio, ĥemio, geologio, zoologio, botaniko, fiziologio, k. t. p. La unua broŝuro pri astronomio jam estas eldonita kaj ĉiudumonate aperos nova broŝuro.

Ĝi estas interesa broŝuro 24-paĝa, formato 17'5 × 10, tre klare kaj bonstile verkita. Prezo unu ekzemplero, unu respondkupono; 20 ekzempleroj, 15 respondkuponoj.

* * *

GAZETOJ.—Ree ekaperas la monata gazeto «*Frateco*». Unika en Esperantujo, kiu portas altan idealon, propagandas laŭnaturan vivadon, pacideojn, kontraŭmilitarismon kaj konatigas al siaj legantoj la fundamentajn naturajn leĝojn el kiuj la nuntempuloj flankiĝis. Abonkotizo 1 frsv., 3 internaciaj respondkuponoj specimenon.—Adreso: Redakcio Frateco, Sevlievo, Bulgarujo.

* * *

LIBROJ.—*Esperantaj Historietoj I.*, de Peter Frey. Danlando. Formato 13'5 × 19 cm. 47 paĝa. Luksa papero. Bele broŝurita. Prezo: pesetoj 1,80. La libra havas pedagogian celon. Ĝi enhavas nur rakontetojn, kiuj povas samtempe amuzi kaj distri, sed antaŭ ĉio ankaŭ instrui. La lingvo estas altnivela, bona, simpla kaj ĉiu kursĉeestinto povas legi ĝin. Post la apero de «Unua Legolibro» de D-ro Kabe nur aperis malmultaj tiaj libroj, kiuj povos same bone enkonduki la komencantojn en la literaturon Esperantan, kiu por ili ofte estas iom

tro malfacila en la komenco. La rakontetoj estas mallongaj kaj povas helpi vigligi la kurs— kaj societvesperojn. Ni esperas, ke la libro povos esti daŭrigota en aliaj, kiel montras la cifero I. La libron ni povas rekomendi al ĉiuj.

Trovebla ĉe Iberia Esperanto-Servo, strato Provenza, 75, 2.º-3.ª, Barcelona.

*Kvin paroloj.*—De Henry Drummond, tradukita de Arthur T. Maling.—85-paĝa.

Prezo du ŝilingoj, afranko 2 p. Mendebla al F. H. Hanbury; 132, Slewins Lane, Hornchurch, Romford, Anglujo. La titolo de la kvin paroloj estas: 1, La plejgranda afero de la mondo; 2, Pax vobiscum; 3, La ŝanĝita vivo; 4, La programo de kristianismo; 5, La urbo sen preĝejo.

Verko tre interesa por tiuj, kiuj sin okupas pri religiaj studoj.

*Gramátiche Vocabulari ed eserciçis di lenghe internaçionál Esperanto.*—Broŝuro verkita en la lingvo parolata en Friul, la nordorienta itala provinco. Al la seriozaj interesiĝantoj pri lingvo friula, la kompilinto de tiu-ĉi Gramatiko (A. Tellini, placo Vittorio Emmanuele, 9, A, Udine, Italujo), sendos donace broŝurojn, gazetojn, kalendarojn, k. t. p., verkitajn en la dirita lingvo.

*La homaj rasoj de la mondo.*—212 paĝoj, 140 bildoj, formato 12×20. Prezo, 3,25.

La verkinto, doktoro Rolf Nordenstreng, konas ĝisfunde tiun problemon kaj brave defendas siajn proprajn opiniojn. Por esperantistoj ĝi estas tre interesa verko, ĉar multaj homoj false kredas ke la loĝantaro de lando apartenas al nur unu raso, sed D-ro Nordenstreng pruvas ke rase puraj popoloj ne ekzistas, nek superaj nek malsuperaj rasoj, ĉar la eksteraj karakteroj ne donas al iu raso ian pli altan lokon.

Tre bona stilo. Iaj nepraj fakaj neologismoj estas facile kompreneblaj.

Mendebla ĉe la Eldona Societo Esperanto, Box 698, Stockholm (Svedujo).

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *AĈETO DE VERKO*

Samideano proponas al ni la vendon de verko, kies aŭtoro li estas. Por tio li nin postulas ĉiumonate unu peseton pli ol dum la antaŭa monato; kaj la unuan monaton, tiom da pesetojn diom da monatojn daŭros la ŝuldo. Plie li sciigas ke la sumoj de la kvadratoj de la nombroj

de pesetoj pagotaj dum la *kvin* unuaj monatoj kaj dum la *kvar* sekvantaj monatoj estas egalaj.

Kiom da pesetojn ni devas pagi entute, kaj kiom dum la unua monato?

* * *

## *INFANAJ DIVENAĴOJ*

1. Mi nune trinkas akvon,—ĉar mi ne havas akvon;—se akvon havus mi,—ja vinon trinkus mi.

2. Blanka kampeto,—nigra sulketo,—plugil' trenata—de la kvin bestoj.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

## SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La aĝo.*—La tri junuloj naskiĝis la jarojn 1921-an, 1919-an kaj 1909-an. La kelnero, la 1891-an kaj sia fileto, la 1927-an.

*Vortĉeno.* — A=punkto, B=punto, C=blonda, D=rubio, E=rubia.

Sendis ĝustan solvon al ambaŭ enigmoj: S-ro Samuel Roca y Rodó, de Barcelona.

* * *

## DEZIRAS KORESPONDI...

R. G. LEES (4, Deakin Street, Jarraville, Victoria, Aŭstralio), fervojisto. Kun hispanoj, por interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn, gazetojn kaj fotografaĵojn.

WALTER BURKHARDT (Wilhelm Buchstrasse, 24, Dresden), bankoficisto. Kun hispanoj por interŝanĝi poŝtmarkojn. Respondo garantiata.

LOZAR HR. LAZAROV (strato Tulovo, 71, Kazanlik, Bulgarujo), kun hispana samideano aŭ samideanino.

---

## ANEKDOTOJ

En oficejo la estro riproĉas al subulo.

—Tio estas netolerebla! Kiu ordonas ĉi-tie, vi aŭ mi?

—Via moŝto, sinjoro.

—Nu, bone. Se vi ne estas la estro, kial vi diras tiom da idiotaĵoj?

* * *

Edzino plendas al sia edzo pri la malvirtoj de sia filo.

—Nia filo diboĉas pli kaj pli. Li nur atentas al friponoj kaj al drinkuloj. Sekve, mi ja ne povas konsili al li. Estas necese ke vi parolu al li serioze.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

---

## EL PROGRESO DE LOS TRANSPORTES EN LA U. R. S. S.

(*Continuación.*)

Para permitir un tal desarrollo del tráfico ha precisado aumentar a la vez considerablemente la capacidad de las líneas existentes y la construcción de un gran número de nuevas. Durante el primer período quinquenal, 4.426 kilómetros de líneas nuevas han sido construídas, y 3.384 kilómetros de línea con vía única han sido doblados.

La longitud de las vías férreas, que era en 1917 de 72.160 kilómetros, ha alcanzado la cifra de 83.300 kilómetros en 1932.

El estudio del reparto de las nuevas vías férreas demuestra el esfuerzo llevado a cabo por aquel Gobierno para poder permitir y dar facilidad de desenvolverse a nuevas regiones y a la industria de las diferentes repúblicas nacionales.

De un total de 4.426 kilómetros de líneas nuevamente construídas, el 70 por 100 son repartidas en dichas repúblicas. En el Kazakstan, por ejemplo, 1.901 kilómetros de vías férreas han sido construídas, 346 en Asia central y 894 en Ukrania.

La construcción de la de Turksib (Kazakstan) ha traído la posibilidad de avituallar en excelentes condiciones, de maderas y trigo de Siberia, el Asia central, y de crear en dicha región una base algodonera que podrá dentro de poco tiempo cubrir largamente las necesidades de la URSS. Otra línea, Borovoé-Karaganda, ha permitido poner en explotación las inmensas riquezas de la cuenca hullera de Karaganda (Kazakstan septentrional).

La construcción de la gran fábrica metalúrgica de Magnitogorsk ha hecho necesario el tendido de las líneas de Troïtsk-Orsk y de Kartala-Magnitnaïa.

El gigantesco combinado industrial de Oural-Konznetsk (Siberia) ha precisado la modernización del Transiberiano y el desgajamiento del Ural Central por la construcción de un tercer tramo, Sverdlovsk-Chadrinsk-Kourgan, y ello ha permitido aumentar considerablemente el tráfico de intercambio de carbones y minerales entre Ural y Siberia.

Para poder asegurar unas rápidas comunicaciones entre las minas de hierro y de carbón y las fábricas de metalurgia, un gran número de líneas han sido construídas en la región de Kouznetsk y de Donetz; un total de 1.248 kilómetros de vía han sido tendidos para asegurar

el desarrollo de las industrias pesadas y de las fábricas productoras de fuerza motriz.

Sin embargo, a pesar de la construcción de nuevas vías y del aumento del número de vagones y locomotoras, pues de 1928 a 1932 el número de estas últimas ha sido aumentado con 1.788 unidades, los caminos de hierro, al fin del primer período quinquenal, acusaba un retraso sobre el desarrollo general de la economía de la nación, y esto frenaba en una cierta medida su desarrollo ulterior; de aquí que el funcionamiento de los ferrocarriles diera lugar a críticas.

El objetivo principal, asignado a los ferrocarriles en el curso del segundo período quinquenal (1933-1937), es, pues, el hacer desaparecer la falta de relación que existe entre su desarrollo y el del resto de la economía nacional.

Los ferrocarriles acusan actualmente un tráfico de día en día más intenso. En 1937 éste deberá alcanzar la cifra de 457 millones de toneladas, y como las distancias a que son transportadas las mercancías son muy grandes, deberán recorrer éstas un promedio de 300.000 kilómetros.

Tienen a la vez que asegurar los transportes que se hagan precisos a causa del desarrollo en nuevas regiones, pues durante el segundo período quinquenal el intercambio en el reparto geográfico de los centros productivos de la U.R.S.S., que había sido emprendido en el primer período, se prosigue con la misma intensidad.

La parte oriental toma cada día más incremento en la extracción de carbón, pues era de un 25 por 100 en 1932 y debe adquirir el tipo mínimo del 35 por 100 en 1937, y en la fuerza motriz, que representaba en 1932 un 14,13 por 100, debe pasar su producción a un 24 por 100 en 1937. Por otra parte, es en el lado oriental donde se encuentran los principales yacimientos de metales no ferruginosos (cobre, plomo, zinc, oro, plata, etc., etc.).

De 11.000 kilómetros de ferrocarril a construir durante el segundo plan, 8.415 pertenecen a la parte oriental, lo cual equivale a un 77 por 100.

Estas líneas son necesarias para la creación de nuevos centros fabriles, su desarrollo y el aumento progresivo de su función en el cuadro de la producción.

Para mostrar el valor de estas nuevas líneas, citaremos la de Permskoe-sur-Amour-Tyndra, que abre una nueva salida al Pacífico, pues hasta ahora los ferrocarriles soviéticos no tenían acceso a él más que por Vladivostok; la línea Taïchet-Angara, que da la posibilidad de

(*Continuará.*)